WIKIPEDIA

# Evenka lingvo

**Evenka lingvo** (malnova nomo: *tungusa*) estas lingvo de evenkoj. Estas ano el la norda grupo de tungus-manĉura lingvaro kune kun evena kaj negidala. Plejparte la evenka lingvo parolatas en Okcidenta Siberio inter la maldekstra bordo de Jenisejo kaj Saĥaleno. Tie ĝin uzas ĉirkaŭ 35 500 homoj (laŭ censo de 2002). Ankaŭ ĉirkaŭ 9000 homoj parolas evenke en Mongolio kaj norda Ĉinio, plejparte en Interna Mongolio kaj Ŝinĝjango.

Evenka lingvo havas multajn dialektojn, kiuj estas unuigataj en tri bazaj branĉoj: norda, suda kaj okcidenta. Sone aparteblas *ĥ-dialektoj*, *sj-dialektoj* kaj *ŝ-dialektoj*. Libra lingvo estas bazita je la *nepa* dialekto de la suda branĉo. *Solonan* dialekton de la evenka oni nun rigardas kiel apartan lingvon.

## Enhavo



## Gramatiko

Evenka lingvo estas sufikso-gluema lingvo kaj havas malsimplan *ŝtupan* sistemon de vokala interharmonio. En ĝi ekzistas multaj kazoj, verbaj formoj, nt-formoj kaj gerundioj. La vortoj montras influon de la jakuta kaj burjata lingvoj kaj ankaŭ havas multajn rusajn prenvortojn.

## Skribsistemo

En antikvaj tempoj evenkoj havis sian propran sistemon por marki gravajn eventojn. Ili uzis t.n. *nodan skribon*, sistemon, en kiu por transdoni informon oni uzis diferspecajn nodojn ĉe ŝnuroj. Tiu sistemo estis iom simila al inkaa kipuo (kvankam multe pli simpla) kaj eble parenca al ĉina duonlegenda nodoskribo (結繩). Tiu sistemo taŭgis por kalkulo de ĉasviando kaj alia primitiva informo, sed oni ne povas rigardi ĝin kiel vera analogo de skribsistemo.

Unuaj skribitaj libroj en la evenka aperis je fino de 19-a jarcento. Ili estis skribitaj en tiama rusa alfabeto sen iuj aldonaj literoj (tio estis antaŭ reformo, do ekleziaj kaj antikvaj literoj ankaŭ estis uzataj)[1]. Tia literaturo ne estis ege populara inter evenkaj ĉasistoj, kiuj konservis (kaj eĉ ĝis nun parte konservas) tradiciajn kredojn.

En 1929 soveta esploristo G.Vasileviĉ kreis unuan abocon por la evenka lingvo. Ĝi nomiĝis *Əwənkil dukuwuntin*[2]. Por ĝi estis uzata jena latinida alfabeto: **Aa Bb Чч Dd Ʒʒ Ee Əə Gg Hh Ii Jj Kk Ll Mm Nn Ŋŋ Oo Pp Rr Ss Tt Uu Ww Yy**. En 1931 oni ŝanĝis ĝin laŭ aperanta standarto de alfabetoj por nordaj popoloj, kaj ĝi aspektis jene[3]:

| | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|
| A a | B b | C c | D d | E e | Ə ə | Ə̄ ə̄ | F f |
| G g | H h | I i | J j | K k | L l | M m | N n |
| Ņ ņ | Ŋ ŋ | O o | P p | R r | S s | T t | U u |
| W w | Z z | Ʒ ʒ | | | | | |

En 1930-j jaroj aperis emo krei cirilajn alfabetojn por ĉiuj lingvoj de Sovetunio surbaze de la rusa, ĉar la registaro malakceptis ideon de monda revolucio kaj deklaris celon de *socialismo en aparta lando*. Tia alfabeto por evenka lingvo estis kreita en jaro 1937. Komence ĝi ne havis aldonajn literojn kompare al la rusa[4], sed en 1958 en ambaŭ evenan kaj evenkan lingvon oni aldonis literon Ӈӈ. Ekde tiam, la alfabeto aspektas jene:

| | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|
| А а | Б б | В в | Г г | Д д | Е е | Ё ё | Ж ж |
| З з | И и | Й й | К к | Л л | М м | Н н | Ӈ ӈ |
| О о | П п | Р р | С с | Т т | У у | Ф ф | Х х |
| Ц ц | Ч ч | Ш ш | Щ щ | Ъ ъ | Ы ы | Ь ь | Э э |
| Ю ю | Я я | | | | | | |

En kelkaj okazoj ankaŭ estas uzataj diakritaĵoj - makronoj por marki longajn vokalojn.

Ankaŭ la Mongola tradicia alfabeto estas uzata eksperimente .

# Ekzemploj de vortoj

Jen kelkaj ekzemploj de evenkaj vortoj:

- орон - boaco
- чалбан - betulo
- онко - bero
- ая - bona; bone
- амака - urso; mastro; avo

Vidu ankaŭ etimologian tabelon en Tungus-manĉura lingvaro

# Notoj kaj referencoj


1. ↑ Господа нашего Іисуса Христа отъ Матѳея святое благовѣствованіе на тунгусскомъ языкѣ. Казань, 1880
2. ↑ Василевич Г.М. Əwənkil dukuwuntin. Л., 1929
3. ↑ Материалы 1-ой всероссийской конференции по развитию языков и письменностей народов Севера. М.-Л., 1932
4. ↑ Просвещение национальностей, 1937 №4

- Matsumoto Ryou. "On the Dialects of the Evenki Language (Tungus)" (abstract) (http://www.gengo.l.u-tokyo.ac.jp/enshu_abstr06e.html).

